JUNA AMIKO
red. O. Knichal,
Budaörs, Patkó u.3. H-2400 Hungario
Abonoj: en la soc.landoj ĉe landoj asocioj,
en aliaj landoj ĉe UEA, Prezo 5,70 gld.



Nemzetközi
eszperantó
diáklap

Megjelenik
évente háromszor

XI. évfolyam

84/1. szám

Felelős szerk.:
Princz Oszkár

Kiadja
a Magyar
Eszperantó
Szövetség
Budapest
Kenyérmező u. 6.
1081

Felelős kiadó:
Vaskó Tibor

Készült a
MESZ
Sokszorosítóban
84-0067
Kiad. eng. sz.:
III/IFJ/30/1976.
ISSN
0230-1318

*

TASKO
DE ĈIU
ESPERANTISTO:
PROPAGANDI
LA REVUON
INTER LA
KOMENCANTOJ!

# *Al ĉiu ion*

garantias la sekvaj paĝoj. La ĉijaran kongreslandon ni portretas el vidpunkto de ties naturbelaĵoj, pri kiuj Kanado sendube povas fieri. – La brita Nobel-premiito W.Golding kondukas legantojn al neloĝata tropika insulo, ĉe kiu frakasiĝas la ŝipo kun lernejanoj. (Tio certe rememorigos multajn pri la fama romano de J.Verne...) Pri unu konata figuro de nia movado, blindulo, kiu instruis Esperanton kaj verkis en la japana kaj ĉina rakontas epizodo Nokta veturo. (Pri la sama persono skribis en siaj ruslingvaj verkoj du sovetiaj esperantistoj). – Ĉu vin interesas la plej moderna skribmaŝina tekniko? Tiam legu pri la tajpiloj, kiuj kapablas skribi kvindek literojn dum unu sekundo. – Ŝatantoj de popolrakontoj trovos du frandaĵojn el Hispanio kaj Ĉinio, unu pri la saĝa, la alian pri la malsaĝa reĝo. – Sekvu ankaŭ la rubrikon Klubo de legantoj kaj ne forgesu konsili al Ksaver Ipsilon kaj respondi per same simplaj vortoj. (Eble vi rimarkis, ke en la ĝisnunaj numeroj ni ne komentis la vortojn kiel metro/kilometro/, kilo/gramo/, elektro, automobilo, literaturo, sporto ktp., kiuj, kvankam ne troveblaj en nia baza vortaro, estas kompreneblaj al ĉiuj.)

Fartu distre kun la krucenigmo, anekdotoj kaj kun la skota kanto, kiun tradukis W.Auld.

O. Knichal

**Sur la kovr'il-paĝo: svedaj jun'uloj dum la komuna kant'ado okaze de la Inter-nacia Jun'ul'ara Kongreso en Debrecen, 1983.** **Foto Z. Fejér**

# Arb'aroj kaj mont'aroj...

Laŭ sia grand'eco Kanado estas la dua lando de la mondo post Soveta Unio. Sur ĝia teritorio – preskaŭ tiel granda kiel tiu de Eŭropo, trovis sian hejmon la vastaj naturaj riĉ'ajoj – riveroj, arb'-aroj, ne-kalkul'eblaj lagoj kaj bestoj. La arb'aroj estas riĉa fonto de ligno. Dank' al sufiĉa pluvo arboj en Brita Kolombio – apud la Pacifika Oceano – kreskaj ĝis la alt'eco de 60 metroj.

Por konservi[2] la natur-bel'aĵojn la reg'ist'aro aranĝis parkojn, kie oni protektas[3] ankaŭ bestojn. Ĉe la land-limo kun Usono estas la nacia parko Waterton. Ne tro mal-varmaj vintroj, vastaj herb'ejoj, multaj bestoj kaj diversaj kresk'aĵoj – tiel oni povus mal-longe priskribi ĝin. En la akvo de la tri lagoj, kiuj estas kelk-loke profundaj 200 metrojn, estas vid'eblaj la montoj Vimi kaj Blakiston (2920 m).

Pli norde de tie trov'iĝas la naciaj parkoj de Banff kaj Yoho kun altaj montoj, flor-riĉaj herb'ejoj kaj vastaj glaci-riveroj.

En Vankuvero, eble la plej bela kanada urbo, kiun ĉirkaŭas mont'aro, kies pintoj[4] kovras la neĝo, estas la fama[5] parko Stanley – 400 hektaroj da natura arb'aro, ĝardenoj, lokoj por diversaj sportoj. La parkon preskaŭ tute ĉirkaŭas akvo. Pro la milda[6] klimato[7] – tiu ĉi mar-bordo estas la plej varma en Kanado – oni povas ludi tie tenison kaj golfon eĉ vintre.



**Parko en Vankuvero**

---

1/ ter-parto, 2/ re-teni, 3/ gardi kontraŭ io mal-bona, 4/ el-star'aĵo, 5/ populara, 6-7/ agrabla vetero

*William Golding*

# KNABOJ SUR INSULO

W.Golding (nask. en 1911) estas angla verk'isto, kiu last-jare ricevis la Nobel-premion. Lia plej populara libro estas Mastro de muŝoj,[1] romano pri la lernej'anoj, kies ŝipo romp'iĝis ĉe tropika insulo.[2] La sekvaj linioj estas el tiu ĉi libro.

Blonda knabo mal-supren-iris de la ŝton'ego kaj ek'iris al la mar-bordo. Kvankam li de-prenis la supran vest'-ajon, kiun li sur-havis en la lern'ejo, lia ĉemizo[3] glu'iĝis[4] al la korpo kaj la har'aro al la frunto.[5] En longa pas'ejo inter la ŝton'egoj, kiuj kondukis al ĝangalo,[6] estis varm'ege kiel en vapor-ban'ejo. Sur la bordo kreskis multaj palmoj.[7] La knabo estis granda kaj pli ol dek-du-jara.

„He, vi, atendu min" – li aŭdis subite la voĉon mal-antaŭ si. Post iom da tempo la knabo, kiu vokis, el-iris el dens'ejo.[8] Li estis mal-pli granda ol la blond'ulo kaj tre dika. Li antaŭen-iris kaj serĉis la lokon por povi bone fiksi la piedon, kaj rigardis supren tra dikaj okul-vitroj.

„Ni estas sur la insulo, ĉu?

„Mi supren-iris ŝton'egon", respondis la blond'ulo, kiu nom'iĝis Ralph, „kaj ŝajnas al mi, ke ĝi estas vere insulo. Ni devas trovi[9] ĉiujn knabojn, kiuj post-restis.

Ralph trumpetis[10] je konko,[11] kiun li trovis sur la bordo.

„Mi estas certa, ke tio estas aŭd'-ebla je kelkaj kilometroj."

Inter la palmoj aperis knab'eto ĉirkaŭ ses-jara, kies vestoj ie ŝir'iĝis kaj sur lia vizaĝo estis rest'ajoj de fruktoj. La sola pura loko sur li estis lia roz-kolora dik-fingro, kiun li ĵus en-buŝ'igis.

Iom post iom la tuta bordo re-viv'-iĝis. Sur varm'ega silent'ema sablo[12] proksim'iĝis al ŝtona eben'ajo[13] aro da knaboj. Iuj estis tute nudaj,[14] la aliaj duon-nudaj.

En diamanta sun-varm'ego de la sablo mov'iĝis io nigra. Tio estis grupo de knaboj, kiuj paŝis kiel soldatoj.[15] Sur la kapo ĉiu havis nigran ĉapon[16] kun arĝenta insigno[17] kaj longan nigran mantelon,[18] kiu kovris la tutan korpon. Granda varmo, ne-facila mal--supren-iro de la alt'ajoj, serĉado de manĝ'ajo kaj nun la marŝ'ado sur arda[19] sablo kaŭzis, ke iliaj vizaĝoj similis al freŝaj prunoj.[20] Antaŭe pasis kna-

bo, kiu sur-havis la saman veston, nur la insigno sur lia ĉapo estis ora.

„Kie estas tiu ulo kun trumpeto? " li demandis.

„Neniu ulo kun la trumpeto ĉe-estas. Nur mi" respondis Ralph.

„Ĉu ankoraŭ nenia ŝipo venis por preni nin? "

La long'ulo kiu demandis, estis mal--dika, lia vizaĝo mal-bela, sed ne mal--saĝa.

Knaboj en nigraj manteloj komencis dis-iri, sed li ek-kriis:

„Kant'ista grupo, aten-tu! "

Kaj ili de-nove unu'iĝis kaj ek-staris atente. La sun-bano estis sen-kompate varm'ega. Subite unu el ili sablon-falis. La ceteraj al-saltis kaj levis lin.

„Vi povas sid'iĝi, sed lin lasu ripozi", **diris la long'ulo**.

„Sed, Merridew", kontraŭ-staris iu.

„Li ĉiam tiel ŝajn'igas", diris moke Jack Merridew. Same li faris en Gibraltar kaj en Addis Abeba". La grup'anoj kiuj dume sid'iĝis,–en siaj nigraj manteloj similaj al korvoj[21] – ek-ridis.

„Ĉu neniuj plen-kresk'uloj ĉe-estas? " Jack Merridew ĉirkaŭ-rigardis kiel reĝo.

„Ne."

„Tiam ni mem devas pri-zorgi nin."

Unu mal-granda knabo ek-ploris – li deziris iri hejmen.

„Silentu! ek-kriis Ralph. „Ŝajnas, ke ni devos elekti la estron, kiu decidos kion fari por ke oni povu trovi nin kiel eble plej frue.

„La estro devus esti mi", inter-rompis lin Jack, „ĉar ankaŭ en nia kant'ista grupo mi antaŭ-kantas.



Tiam ek-parolis knabo kun mal-bela haŭto[22], kiu nom'iĝis Roger.

„Pri tio estas necese voĉ-doni".

Jack tuj komencis kontraŭ-stari, sed la plej-parto de la knaboj sam-opiniis kun Roger kaj kiam ili kalkulis la voĉojn, montr'iĝis, ke la plej-multo estas por Ralph. Li estis alta, simpatia, trankvil'iga kaj estis li, kiu kun-vokis ilin ĉiujn, ĉar li trumpetis je konko. La knaboj de la grupo aplaŭdis[23] al Ralph pro lia elekt'iĝo, nur Jack ruĝ'iĝis pro la kolero.

Ralph rigardis lin kaj emis permesi al li almenaŭ ion.

„La kant'istan grupon, kompren'-eble, vi estros plu".

„Ĝi estos nia armeo[24]... aŭ ĉas'istoj.[25]

Trad. kaj adaptis O.K.
Desegnis P. Rak

---

1/ insekto, 2/ ter-parto, kiun ĉirkaŭas akvo, 3/ vira vesto kiu kovras la supran korpo-parton, 4/ fiks'iĝi per io, 5/ super-okula parto de la vizaĝo, 6/ regiono kun tre densa kresk'aj aro, 7/ altaj verdaj arboj, 8/ densa-tre-ege proksima unu de la alia, 9/ mal-kovri, 10/ aŭd'igi sonon ki-el per sam-noma muzika ilo, 11/ kovr'aĵo de iuj mar-bestoj kun mola korpo, 12/ kio est'iĝas el dis'er'iĝo de ŝtonoj ks., 13/ sen el-star'aĵoj kaj profund'aĵoj en la tero, 14/ sen-vesta, 15/ milit'isto, 16/ kap-vesto, 17/ kio montras oficon, an'econ, 18/ vasta longa ekstera vesto, 19/ brula, varm'ega, 20/ frukto, 21/ nigra birdo, 22/ kio kovras la homan korpon, 23/ esprimi jeson aŭ laŭdon per kun-frapoj de manoj, 24/ milit'ist'aro, 25/ kiu sekvas la beston por kapti ĝin.

---

*Benedek Kiss*

## NURA MURMURO

Mornas[1] ŝtormo[2] per murmur'[3],
mor-mor-mor,
mur-mur-mur,
nun nin savos[4] nur la kur',
mor-mor-mor,
mur-mur-mur!
Hundoj aras sur la spur',[5]
mor-mor-mor,
mur-mur-mur,
do, nin savos nur la kur',
mor-mor-mor,
mur-mur-mur!

*Trad. Imre Szabó*
*Desegnis Pavel Rak*



---

1/ preme mal-ĝoj'igi, 2/ pluv'ego aŭ granda neĝo, 3/ mal-klara bruo, 4/ liber'igi de danĝero, 5/ post-restaĵo de piedo ks. sur tero, neĝo.

# SERĈI LA SAĜON

(ĉina popola rakonto)

Foje la reĝo aŭdis, ke lia sub'ulo kiun oni nomas Nasrudin Afanti, estas tre saĝa kaj havas profundajn sciojn. Iun tagon li vizitis Afanti.

– De kie venas la saĝo en vian kapon, Afanti? – demandis la reĝo.

– Ĝin mi trovis post mal-facila serĉ'ado, respondis Afanti.

– Ĉu oni povas trovi la saĝon?

– Jes, reĝo.

– Diru al mi, kiel vi trovis ĝin.

– Ho, tre simple. Prenu hojon[1] kaj sekvu min.

La reĝo tre ĝojis kaj pensis: De kiam mi far'iĝis reĝo, ĉiuj popol'anoj opinias, ke mi estas mal-saĝa. Vere, mia saĝo havas limojn. Nun, kiam mi trovos ĝin, mi plen'igos mian kapon per ĝi kaj krome hejmen-portos du kestojn[2] da ĝi por kaŝe re-teni en la palaco[3] por mia filo, kiam li plen-kreskos.

Kun Afanti li longe longe iris kaj fine al-venis al peco da sovaĝa[4] tero. Afanti de-metis sian jakon[5] kaj diris al la reĝo: – Bon-volu de-meti vian reĝan robon[6] kaj ek-fosi[7] per la hojo.

La reĝo de-metis la veston kaj ek-fosis. Post longa fos'ado li tamen trovis neniom da saĝo, nur ricevis sangajn vezikojn[8] sur siaj manoj. Li koleris tiel forte, ke lia barbo[9] star'iĝis kiel herbo kaj liaj okuloj rond'iĝis kiel tasoj.[10]

– Kial mi ne trovis la saĝon? – kolere demandis la reĝo.

– Ne mal-trankvil'iĝu, mia reĝo. Fosu, fosu daúre. Ni plugu[11] la ter-pecon aútune, semu[12] saĝon en ĝin printempe kaj ni rikoltos[13] somere – sen-zorge respondis Afanti kaj de-nove levis la hojon.

– Ĉu la saĝo estas greno? – demandis la reĝo.

– Prave, prave, – respondis Afanti, – se en via palaco ne estus greno kiun la popolo hav'igas per sia sango, kiel vi povus veni kun mi serĉi la saĝon?

*Esperant'igis Fan Yizu*

---

1/ ilo por dis-pec'igi la teron, 2/ ujo, 3/ grand'ega, bel'ega domo, 4/ tie ĉi: kiun oni ne uzas, 5/ ekstera vira vesto, 6/ longa vira vesto, 7/ turni la teron per ilo, 8/ sak'eto, 9/ sur-vizaĝa har'aro, 10/ ujo por trinki, 11/ pri-labori la teron, 12/ met'adi ion en la teron por kresk'igi, 13/ de-tranĉi kaj amas'igi manĝ'eblajn kresk'aĵojn.




## Kulter-kando

mal-nova skota infan-kanto




Ali-bali-alibali-bi,
mar'ist'iĝos iam vi,
En-spezos[4] por la famili',
aĉeti Kulter-kandon.

Panjo,[5] kie estas la mon'uj'?
Venos mal-juna Kulter tuj
Kun sur-kape suker'aĵ'uj',
Vend'ante[6] Kulter-kandon.

Ankaŭ Anjo[7] petas pri bon-far',
Kaj do Panjo sen avar'[8]
Donas pencon al la par',[9]
Aĉeti Kulter-kandon.

Svelt[10]-aspektis[11] Elinj'eto tre,
Haut'kovr'itaj[12] ostoj, ve! [13]
Ŝi gras'iĝas[14] nun, ĉu ne,
Maĉ'ante[15] Kulter-kandon.

Mal-facilas ĉiu nuna hor',
Paĉjo[16] estas sen labor',
Al ni mankas penco por
Aĉeti Kulter-kandon.

*Trad. W.Auld*

---

1/ penco-brita mon-unuo, 2/ nomo de la homo, kiu vend'adis sian kandon, 3/ pura sukero, 4/ per-labori, 5/ patr'in'eto, 6/ kiu sam-tempe vendas, 7/ An'eto, 8/ kun emo, 9/ du, 10/ mal-dika, 11/ kio estas vid'ebla, 12/ kion kovras haŭto (kovr'ilo de korpo), 13/ plenda ek-krio, 14/ dik'iĝi, 15/ maĉi – pri-labori ion per dentoj, 16/ patr'eto.




LA RUBRIKON GVIDAS
**Josef Chvosta** ('ĥvosta)
Engelsova 289,
CS–290 01 PODĚBRADY
**Ĉeĥoslovakio**
Sendu ĉiun korespondaĵon
rekte al tiu adreso!

Ofte venas al ni leteroj de nia leganto Ksaver Ipsilon, kiu sub-skribas ilin kutime per X.Y. En ĉiu lia letero trov'iĝas ia problemo,[1] kies klar'igon X.Y. petas. En sia lasta letero li skribas:

Hejme mi trovis grandan paper'ujon kun amaso da leteroj en kovertoj.[2] Antaŭ ol el-ĵeti ĉion, kion mi ne bezonis, mi apart'igis la kovertojn kun belaj kaj interesaj poŝt-markoj, ĉar min interesas la kolekt'ado de poŝt-markoj, do la filatelio. Kaj ĉar tie estis leteroj el la tuta mondo dum eble 150 jaroj, ĉe multaj poŝt-markoj mi ne re-konis, en kiuj landoj oni uz'adis ilin. Krom diversaj poŝt-markoj, sur kiuj mi ne povis tra-legi la skribon, restis ankoraŭ dudek kvar jenaj surskriboj:

WÜRTTEMBERG LAJTABANSAG OLTRE GIURA FUNCHAL

FREIE STADT DANZIG INDO CHINE STRAITS SETTLEMENTS

SHQIPERIA NEWFOUNDLAND FREISTAAT BAYERN

OUBANGUI CHARI GOLD COAST BOSNIEN HERZEGOWINA

NED.INDIE EESTI SHS NEGRI SEMBILAN

ZONE FRANCAISE SCHLESWIG HOLSTEIN MAGYAR KIR.POSTA

Ĉu vi povas helpi kaj skribi al ni, ĉu la poŝt-markojn kun tiuj sur-skriboj oni ankoraŭ uzas kaj en kiuj ŝtatoj? Se eble, skribu mal-longe, kion vi scias pri tiuj ŝtatoj.

Ni atendas viajn leterojn je la supra adreso. Ni sendos al vi belajn vid'aj-kartojn.

Iam ni havis bildon pri la kapo de X.Y. Ĉu vi konsentas kun tiu ĉi mal-supre? Se ne, tiam proponu[3] alian!



1/ afero por pri-pensi, 2/ leter-ujo el papero, 3/ prezenti por akcepto

# Ĉu vi sukcesos respondi ĝuste?

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 4 | 9 | 1 | 7 | 3 | 2 |
| 3 | 8 | 4 | 5 | 7 | 6 |
| 8 | 1 | 7 | 2 | 6 | 1 |
| 5 | 6 | 5 | 3 | 8 | 9 |
| 2 | 9 | 1 | 4 | 7 | 5 |
| 6 | 4 | 8 | 2 | 9 | 3 |

En la kvadraton ni en-skribis numerojn de 1 ĝis 9 kvar-foje. Dividu[1] la kvadraton je kvar partoj tia-maniere, ke en ĉiu en-estu ĉiuj numeroj de 1 ĝis 9!

En la parko meze de la urbo estas kvadrat-forma lago. La urb'estr'aro deziras du'obl'igi la lagon tiel, ke ĝia formo restu la sama kaj sam-tempe ke la kvar arboj restu tie, kie ili staras nun – ekster la akvo! Kia-maniere oni rekonstruu ĝin?




1 / Dis-igi

La respondojn sendu al la redakcio ĝis la fino de novembro. La plej lertaj ricevos donac'etojn.



# Skrib-maŝino de la morgaŭo

Elektronika tajp'ilo kun liter-rado

Post kelkaj jaroj el la vend'ejoj mal-aperos la elektraj mekanikaj[1] tajp'iloj – kiuj ag'adas laú la sama maniero jam preskaŭ cent jarojn – kaj anstataŭe venos iliaj elektronikaj[2] poste'uloj.

En la novaj tajp'iloj literoj[3] elekt'iĝas ne mekanike sed elektronike. Tio estas la ĉefa nov'aĵo. Specialaj iloj ebl'igas ekzemple eĉ ĝust'ig'adon de la teksto,[4] kiun la tajp'ilo skribis.

## MAL-SAMAJ INTERNE

Laŭ siaj ekster'aĵoj la elektronikaj kaj elektraj tajp'iloj estas similaj aŭ preskaŭ la samaj. Sed surpriza estas mal-sam'eco interne, kiam oni de-metas la kovr'aĵon. La elektro-mekanikaj tajp'iloj estas plen-plenaj de diversaj mal-simplaj partoj, kies nombro estas laŭ iuj fak'uloj eĉ pli alta ol 2500.

La elektronika tajp'ilo estas preskaŭ „mal-plena" – ĝi en-havas nur ĉirkaŭ du-cent partojn. Tiu-rilate ne necese klar'igi, kial la produkt'ado kaj munt'ado[5] de la elektro-mekanikaj tajp'iloj postulas multe pli da labor-fortoj. Ĉar munt'ado de la elektronika tajp'ilo daŭras tri'oble mal-pli ol tiu de la elektra.

## RADO[6] KONTRAŬ GLOBO[7]

Pro siaj liter-globaj tajp'iloj iĝis tre popùlara en la sesdekaj kaj sepdekaj jaroj la IBM-firmao.[8] Tamen, nun-tempe ĉiam pli kaj pli oftaj estas la liter-radaj tajp'iloj. Kial? Ekzemple tial, ĉar ili atingas pli ol du'oblan rapid'econ. Ĉiu-sekunde ili ka-pablas tajpi ĉirkaŭ kvindek literojn.

Hodiaú, en la tajpil-merkato[9] de la mondo trov'iĝas proksim'ume tri milionoj da pecoj. Sur tiu ĉi merkato bon'ege sukcesas la japanaj firmaoj kiel ekzemple Silver, Seiko, Canon aŭ Brother Industries. La lasta produktas ekzemple la 4-kilograman elektronikan tajp'ilon Brother GP-20, kiu vid'eblas en vend'ejoj de la tuta Eŭropo kaj kostas nur dek procentojn pli ol la mekanika tajp'ilo.

La kostoj por kresk'igi la novan elektronikan tajp'il-familion atingas ĉirkaŭ cent milionojn da dolaroj.

*P.Broczkó*

---

1/ maŝina, 2/ kiu uzas propr'ecojn de elektronoj, 3/ plej mal-grandaj partoj de la vorto, 4/ skrib'aĵo, 5/ fikse kun-meti diversajn partojn, 6/ rond-forma aĵo, kiu turn'iĝas, 7/ kio plej facile rul'iĝas (glob-forma estas la suno, luno ks.) 9/ kie oni vendas kaj aĉetas.





*Eva Benická*

# NOKTA VETURO

En la kupeo[1] de la vagon'aro sidis nur du personoj: viro kaj juna vir'ino. La vir'ino legis kaj ne rigardis la viron. Li silentis kaj eble dormis. Mal-hel'iĝis. La jun'ul'ino fermis la libron kaj ek-staris. Ŝi metis la libron en sian kofron.[2] La viro ne ek-mov'iĝis, tamen li ek-parolis:

– Kion vi legis?

– Ĉu vi ne dormis? – demandis mire la vir'ino. En la kupeo jam estis mal--hele, nenio estis vid'ebla.

– Ne, – diris la viro – mi nur ne volis ĝeni vin en la leg'ado.

– Mi legis sonetojn[3] de Shakespeare (Ŝekspir).

– Ili estas bel'egaj, ankaŭ mi ŝatas ilin.

– Vi parolas bone angle, – diris la juna vir'ino, – sed vi ne estas anglo ĉu?

– Ne, mi estas ruso, sed mi studis en Anglio kaj poste mi vivis longe en Japanio kaj en Ĉinio.

– Miaj ge-patroj vivis en Hindio, – diris la bela jun'ul'ino.

– Ankaŭ mi jam vizitis Hindion. Oriento[4] ĉiam interesis min.

– Bon-volu rakonti al mi ion pri viaj tra-viv'aĵoj tie, – petis la vir'ino.

La viro rakontis pri la granda rivero Jan-ĉi-kiang, pri bel'egaj japan'inoj, pri saĝaj hindoj, pri interesaj religioj. Kaj pri tio, kiel li instruis Esperanton en Japanio kaj Ĉinio.

La jun'ul'ino aŭskultis sen vorto, sen-mova, ŝia vizaĝo brulis, ŝiaj bluaj okuloj ronde mal-ferm'iĝis; tiel interese sci-povis rakonti tiu fremda viro. Li parolis ĝis maten'iĝo kaj ek-silentis nur kiam en-iris la konduktoro.[5]

– Sinjoro, vi jam devas el-vagon'iĝi, venu, mi helpos vin, – diris la konduktoro.

La viro faris mal-certan movon – la jun'ul'ino ek-kriis:

– Ho, mi ne sciis, mi ne rimarkis! Ĉu tio povas esti vero? Vi, kiu tiel multe vojaĝis, kiu instruis tiom da homoj, vi, kiu parolis la tutan nokton pri la bel'eco de la naturo, pri ekzotikaj[6] landoj, vi – vi ne vidas? !

– Mi estas blinda ek-de mia infan'--eco.

– Sed kiel vi povis tiel multe vojaĝi kaj labori sola?

– Mi neniam estis sola, ĉirkaŭ mi estis *ĉiam ge-sam'ide'anoj, kiuj helpis* min.

– *Ankaŭ mi volas esti via sam-ide'-*-ano, – diris la jun'ul'ino.

La *viro ek-rid'etis* kaj ĉirkaŭ-brakis ŝin.

– Bone, – li *diris,* – *skribu al mi,* tie ĉi estas mia adreso, – Mia nomo estas Vasilij Eroŝenko.

La viro forlasis la kupeon kaj la jun'-*-ul'ino post-rigardis lin kun mal-sekaj* okuloj.

* * * * *

Vasilij Eroŝenko (1890-1952) naskiĝis en Rusio. Li pas'igis sian vivon en la Ekstrema[7] Oriento, kie li instruis la rusan literaturon kaj Esperanton. Li verkis japane, ĉine kaj Esperante.

1/ parto de vetur'ilo kun aparta pordo, 2/ por-vojaĝa ujo, 3/ poemoj, 4/ mondo-parto, en kies direkto lev'iĝas la suno, 5/ vagon'ara ofic'isto, 6/ ekster-ordinara, 7/ mal-proksima

# La fil'ino de la ŝnur-danc'isto kaj la feliĉa lando

Estis iam fora lando, en kiu regis la justa kaj saĝa reĝo. Ĉiu estis tie feliĉa kaj vivis pace. Sed la reĝo mal-ĝojis, ĉar li ne havis filon. Tial li ofte dir'adis:

„Mi estas mal-juna, baldaŭ mi mortos. Kio estos kun miaj sub'uloj? "

La reĝo kun-vok'igis ĉiujn saĝ'ulojn kaj jene parolis al ili:

„Ni devas trovi[1] iun, kiu estas inda regi en tiu ĉi lando. Tiu homo devas esti forta, lerta kaj saĝa, por ke li povu regi juste kaj bone.

Post multa pri-pens'ado la saĝ'uloj decidis, ke la reĝo estu tiu, kiu gajnos en tri provoj: en tiuj de forto, lerto kaj saĝo.

Oni sci'igis en la tuta lando, ke la sekvan tagon komenc'iĝos la provoj.

Estis tri, kiuj konkursis[2]: Morgano, filo de bankiero[3], Raŭlo, filo de nobelo[4] kaj Adela, fil'ino de ŝnur-danc'isto[5].

La unua provo estis tiu de forto. Ĉiu devis al-ter'igi la lukt'iston[6]. Morgano, kiu estis granda mal-pac'ulo, tuj el-tiris sian glavon[7], sed lia kontraŭ'ulo rompis ĝin en du pecojn.

Raulo volis batali per-mane, sed la kontraŭ-ulo estis tiel forta, ke per unu-sola bato lin fal'igis.

Adela, kiu bone sciis, ke ŝi ne gajnos per forto, komencis ĉirkaŭ-ir'adi la lukt'iston ĝis tiom, ke ŝia longa har'aro lin ĉirkaŭ-ligis. Adela gajnis la unuan provon.

*La dua provo estis tiu de lerto. Super rivero oni metis tri* mal-larĝ'egajn pont'etojn[8], Ĉiuj, kiuj konkursis, devis trans-iri sur la alian bordon kun dek oranĝoj[9], sen ke eĉ unu el tiuj falu en la akvon.

Morgano en-poŝ'igis la oranĝojn, sed ĉar li ne kutimis porti tioman ŝarĝon[10], li mal-bone paŝis kaj falis en la akvon.

Raŭlo prenis la oranĝojn en la manojn, sed ili el-falis unu post la alia kaj dis-rul'iĝis

Adela, kiu el-lernis multajn lert'aĵojn, supren-ĵet'adis la oranĝojn per ambaŭ manoj kaj tiamaniere ŝi trans-iris sur la alian bordon sen faligi eĉ unu.

Ŝi gajnis la duan provon.

La tria provo estis tiu de saĝo. La saĝuloj demandis ĉiujn tri:

„Kiu besto havas du, tri kaj kvar piedojn? "

Morgano, homo tre riĉa, ordonis kun-voki saĝ'ulojn por helpi lin. Sed neniu el ili sukcesis.

Raulo serĉis la respondon en multaj libroj. Sed li trovis nenion. Kiam devis respondi Adela, ŝi diris:

„La besto, pri kiu vi pensas, estas la homo. En sia infan-aĝo li iras kvar-piede, kiam li plen-kreskas, li iras rekte kaj tiam li havas du piedojn. Jam mal-juna li helpas sin per bastono[11] kaj tiam li havas tri piedojn.

Kiam oni ek-sciis, ke la tri provojn gajnis Adela, la fil'ino de ŝnur-danc'isto, oni komencis mal-kontenti:

„Ĉu la vir'ino regos super ni? De kiam regas la vir'inoj? Kiel ni povus akcepti knab'inon, kiu kreskis en cirko?[12]

Kaj oni petis la reĝon ripet'igi la prov'adon, ĉar oni ne komprenis, kiel vir'ino povus esti reĝo.

La reĝo diris al la mal-kontent'uloj:

„Vir'inoj kaj viroj de mia reĝ-lando, kial vi mal-kontentas? Ne la viro aŭ vir'ino regos super vi, sed la saĝo kaj kompren'emo, kiuj faros ŝin bona kaj justa. Adela montris, ke ŝi havas tiujn ĉi ecojn' Ŝi estu via reĝo!

Kaj Adela, la plej justa el ĉiuj reĝoj, saĝe regis multajn jarojn kaj ĉiuj amis ŝin. Ŝia reg'ado estis la plej longa kaj feliĉa en tiu ĉi fora lando.

*El la hispana: József Horváth*
*Desegnis: Pavel Rak*

1/ mal-kovri, 2/ inter-batali por gajni, 3/ mastro de banko, 4/ homo supera al la popol'anoj, aristokrato, 5/ akrobato, 6/ kiu batalas sole per korpa forto, 7/ batal'ilo, 8/ konstruo, kiu ebl'igas trans-iron de rivero 9/ suda frukto, 10/ pez'ajo, 11/ longa peco el ligno, 12/ loko por montr'adi akrobat'ajojn ks.






„Ŝin ek-vidi kaj ek-ami/nur estis minut'! / Tiel kantis pri knab'ino / poeta liut', / sed tre saĝe li silentis / pri tiu moment'..." Daŭrigo: horizontale 1 kaj vertikale 1.

**HORIZONTALE:** 9. Industrian kresk'aĵon 10. Muzika paro. 11. Ronda bak'aĵo. Amo (mikse). 15. Fin'aĵo de substantivo, adverbo kaj adjektivo. 16. Instrument'. 17. River'ego en Sovet-unio. 18. M – EM – ... – TREM – METRO – METROO. 20. Parto de la hungara ĉef-urbo. 22. Kiuj estras la teatran prezent'adon, filmon 25. Brue amas'iĝus. 26. Hungara Esperanto-instru'isto (Andreo). 27. Fratoj Le... (francaj pentr'istoj). 28. Plena Ilustr'ita Vort'aro. 29. Reen: for'iĝu! 32. Tuŝe per lango. 33. Kun'igan objekton. 37. Bona humor'. 38. Amerika land'eg'.

**VERTIKALE:** 2. Rilata al Eŭropa mont'aro. 3. Persona pronomo. 4. Fluoro, azoto, tricio. 5. Fer-voja vetur'ilo. 6. ..., due, trie. Ies infano. 8. Signo de Sovet-uniaj automobiloj. 12. Hungara vir-nomo. 14. Faru kiel iu ordonas! 16. Radiko de la vorto sub vertik. 7. 18. Ne tian. 19. Hispana rivero. 21. Objekt', en kiu oni tenas ion. 23. Sam-specaj literoj de „ĝemo". 24. Germana skrib' (reen: sole). 26. Kolerig'. 28. Arb'ara kurac'isto. 30. Tuŝ' per lipoj. 31. Tre. 34. Sufikso. 35. Ludoviko Tárkony. 36. Interjekcio.

Helpo: 12. KABOS. 19. ESLA.

*I. Takács*

Solvo de la antaŭaj kruc-enigmoj: 1. Ĉu eĉ memoro ek-pereos, kadavre putros en la ter'? – 2. Ludmila Jevsejeva, Marjorie Boulton.

# Ne-ordinara vizito

(Ĉambro. Lern'ej'ano pur'igas fenestron. En-iras Eva, sen sonor'igi, sen frapi je la pordo.

Eva Do, ĉi tie vi loĝas. Ĉu viaj ge-patroj estas hejme?

Karlo: (mal-rapide turnas sin al ŝi) Ne, miaj ge-patroj ne estas hejme. Sed ĉu vi almenaŭ ne povas diri „Bonan tagon", se vi tiel subite[1] venas en la ĉambron?

Eva: Bel'ega ejo! Vi ĝuste pur'igas la fenestrojn ĉu? (prenas la spongon[2] el lia mano). Belega spongo, kaj tiel mal-seka! (ĵetas la spongon kontraŭ la muron).

Karlo: Ĉu vi fenez'iĝis? [3] Nun estas makulo[4] sur la pura muro.

Eva: Nu, kio okazis? Via patro certe denove kolor'igos ĝin. Ho, kiajn mal-purajn suojn[5] mi havas! (Ŝi sid'iĝas al la tablo kaj pur'igas siajn ŝuojn per la tablo-tuko[6]). Kutime mi faras tion per la kurtenoj,[7] sed la fenestro estas iom mal-proksime.

Karlo: Atendu, vi... vi... vi... (for-prenas la tablo-tukon de ŝi).

Eva: Rigardu, ĉu mi vidas bone!? La tablo ja estas tute glata[8] (prenas tranĉ'ilon el la poŝo kaj volas per ĝi difekti[9] la tablon).

Karlo: Nun sufiĉas! Ĉu vi tute frenez'iĝis? Vi ja ne povas... (li kur'-igas ŝin ĉirkaŭ la tablon). Rapide for'lasu la ĉambron!

Eva: Nu, mal-rapide, kar'ulo. Ĉu vi volas min el-ĵeti? Kie estas la gast-amo? (ili staras kolere kontraŭ si).

Karlo: (krias) For-iru, tuj, al diablo!

Maria: (frat'ino de Karlo rapide en-iras) Kio okazas ĉi tie? Vi krias tiel, ke oni aŭdas tion tra la tuta strato!

Karlo: Bone, ke vi venis, Maria. Ŝajnas al mi, ke Eva ne estas tute normala. Ŝi kuras en mian ĉambron, ĵetas la spongon kontraŭ la muron, pur'igas siajn ŝuojn per la tablo-tuko kaj nun ŝi volas ankoraŭ difekti la tablon.

Maria: Diru, Eva, ĉu vi sentas vin mal-sana?
Eva: Tute ne, mi estas san'ega.
Maria: Sufiĉas. Diru al viaj ge'patroj, ke ili klar'igu al vi, kia-maniere vi devas konduti,[11] se vi estas gaste ĉe tremdaj homoj! Vi ja kondutas kiel... kiel...
Eva: (montras al Karlo)...same kiel li kondutas ĉiu-tage en la lern'ejo!

El gazeto Frosi tradukis *Dieter Berndt*

1/ Rapide, sen atent'igo, 2/ mola objekto por pur'igi, 3/ far'iĝi malsaĝa aŭ agi ne normale, 4/ malpurajo, 5/ pied-vesto, 6/ kovr'ilo de la tablo, 7/ kion oni pend'igas antaŭ la fenestrojn, 8/ sen el-star'ajo, 9/ fari ion ne-uzebla, sen-valora, 10/ gasto – kiu venas por vizito 11/ agi ia – maniere antaŭ la homoj



# Gaje pri el-staraj homoj

Muzik'iston *Ludwig van Beethoven* foje vizitis riĉa kaj grava homo. Li en-iris labor-ĉambron de la art'isto, sed tiu ĉi, sen rigardi la gaston, diris:

– Bon-volu preni la seĝon.

– Sed mi estas, – ofend'iĝis[1] la viro, – mi estas...

– Pardonu, – diris Beethoven, sed li laboris plu, – tiam bonvolu preni du.

* * *

Jun'ulo, kiu parto-prenis literaturan vesperon, kie ĉe-estis ankaŭ verk'isto *Bernard Shaw* (elp.ŝo) demandis la el-staran gaston[2]:

– Ĉu estas vero, ke en unu domo, kie oni opinias min saĝa, vi diris, ke mi ne estas tia?

Shaw nur rid'etis:

– Tute ne. Mi estis en nenia domo, kie oni opinius vin saĝa eĉ por momento.

* * *

La polan muzik'iston *Frederyk Chopin* (ŝopen) oni invitis al vesper-manĝo, kiun parto-prenis ankaŭ alia el-stara muzik'isto Ferenc Liszt. Kiam post la vesper-manĝo la hejm-mastro petis Chopin ion ludi, tiu sin el-turnis: Kial ĝuste mi? Ludu Liszt, li for-manĝis pli ol mi.

---

1/ iĝi kolera aŭ mal-gaja pro sin-teno de iu, 2/ kiu venas por vizito

JUNA AMIKO

Internacia Lerneja Esperanto-Revuo

de la Hungara Esperanto-Asocio (H-1368 Budapest, 5. Pf. 193.) Responda eldonisto: TIBOR VASKÓ Responda redaktoro: OSZKÁR PRINCZ Redaktoro: OLDŘICH KNICHAL (Budaörs, Patkó u. 3., II. 19. H-2040) Kunlaborantoj: **D. Berndt** (GDR), **M. Boulton** (Anglio), **Y. Brion** (Francio), **J. Chvosta** (Ĉeĥoslovakio), **As. Grigorov** (Bulgario), **V. Heimlich** (GFR), **A. Kubulnieks** (Sovetunio), **R. Okumura** (Japanio), s-ino **Ösz** (Hungario), **B. Ragnarsson** (Islando), **E. Raveloson** (Madagaskaro), s-ino **Saranath** (Hinda Unio), **T. Sekelj** (Jugoslavio), s-ino **M. Turin** (Francio), **J. Zagoni** (Rumanio), **W. Zytynski** (Pollando), Grafikistoj: **J. Klement, P. Rak.** (Ĉeĥoslovakio), **S.Plugor** (Rumanio), s-ino **E. Váli** (Hungario).

Minisztertanács Táj. Hiv. –
III. (IFJ) 30/1976.

Ára: 8,- Ft

# humuro







Prezentu al vi, Johano
ne fumas jam la duan tagon.




